# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 23/2/2017 Tricentdeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **740,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

## GRAMATIKA EKZERCO. 9.



(daŭrigo)

La kernvorto tre ofte rekoneblas pro la jenaj indikoj: SUBJEKTO: manko de prepozicio antaŭ la kernvorto kaj manko de akuzativo en la kernvorto; PREDIKATO: la kernvorto havas unu el la nur sekvaj finaĵoj: -as, -is, -os, -us, -u; OBJEKTO: akuzativa –n kaj manko de prepozicio antaŭ la kernvorto; ADJEKTOJ: adverba finaĵo –e aŭ prepozitivo aŭ akuzativa –n. :

1). Viro (= SUBJEKTO) batis (= PREDIKATO) hundon (= OBJ.) en la parko (= ADJ.) hieraŭ (= ADJ.).
2). Hundo (= SUBJEKTO) batatas (=PREDIKATO) nun (= ADJEKTO) antaŭ domo (= ADJEKTO).
3). En parko (= ADJEKTO) hundon (= OBJEKTO) nun (= ADJEKTO) batas (PRED.) viro (= SUBJ.).
4). Post morgaŭ (=ADJEKTO) vagonaroj (= SUBJ.) ne (= ADJ.) iros (= PRED.) pro striko (= ADJ.).
5). Multe (= SUBJEKTO) dependos (= PREDIKATO) de hazardo (= ADJEKTO).
6). Ni (= SUBJEKTO) faros (= PREDIKATO) multe (=OBJEKTO) en horo (=ADJEKTO).
7). Ovo (=SUBJEKTO) deponiĝas (= PREDIKATO) en neston (= ADJEKTO).
8). Ranidoj (= SUBJEKTO) ĉiam (= ADJEKTO) estas (= PREDIKATO) en akvo (= ADJEKTO).
9). Por danki (= ADJEKTO) dezirus (= PREDIKATO) mi (= SUBJEKTO) kisi (= OBJEKTO).
10). Ofte (= ADJ.) problemojn (= OBJ.) kaŭzas (PRED.) forgesi (SUBJ.). Do (= ADJ.) atentu (= PRED.).

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La 16-an de Februaro Svetislav Kanacki celebris sian 91-an naskiĝtagon.



Svetislav Kanacki havas hodiaŭ sian 91-an naskiĝtagon. Li skribis al mi, ke li estas perfekte sana kaj kontenta daŭrigi kiel ĝis nun.

Li certe meritas gratulon en la novaĵletero, ĉu ne?

Ni elkore gratulas lin kaj deziras al li multajn jarojn en bona sano kaj feliĉo. *Katja Steele*

★★★



Je la 16a de Februaro 2017 Svetislav fariĝis 91 jara. Mi ne dubas ke li tion bone celebris kun siaj familianoj. Gratulon al vi, Svetislav, pro via sukceso atingi tiun aĝon. Ni esperu ke via sano restos sufiĉe bona por ke vi daŭre kontribuu al la radioprogramo, kies inicianto vi estas. Kvankam Svetislav ne plu aŭdeblas tra la ondoj, li daŭre regule arkivigas, kontrolas la elsendojn, gardas la kontakton kun aŭskultantoj kaj helpas diversmaniere. *Franciska Toubale*



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo

Je la 18a de Februaro venis Roger Springer, Chris Holliss, John Casey kaj Ian Wyllis. Ĉirkaŭ 11.30 atm ni ĉiuj, plus Mei Springer, iris al la domo de Eunice Graham. *Roger Springer*




Post bongusta tagmeza manĝaĵo ĉe Eunice je la lasta renkontiĝo, ni re-rigardis ŝian Oran Libron. Tiu tre zorgita libro rakontas eventojn de la Manlia Klubo ekde la 1960 jardekoj.

Du interesaj aĵoj estas letero de Ivo Lapenna kiam la Federacio gastigis lin. Interalie, Ivo skribis ke la gramatika kaj prononca kapabloj de Eunice estis laŭdindaj.

La alia estas invito al ekskurso. Kiam Aŭstralio celebris sian duan jarcenton en 1988, tiam multe da velŝipoj vizitis la havenon de Sidnejo por la festo. Unu el ili el Polando komodoris esperantisto . Li montris sian grandan velŝipon al la manlianoj.



Tre belaj memoraĵoj, ĉu ne? *Chris Holliss*

# ***A story of hope*** **Rakonto pri espero**




Karaj,

Ĉu vi jam vidis la libron *A story of hope* eldonitan en 2011? Verkis ĝin Esperantisto el Viktorio: Alexander Rucki. Temas plejparte pri Zamenhof kaj Esperanto. Nova eldono aperis en 2015, sed mi ne scias ĉu ŝanĝoj estis faritaj. La loka biblioteko en Hornsby ja posedas la eldonon de 2011 kaj do ĝin mi prunteprenis kaj legis. Alexander Rucki lernis Esperanton en lernejo en Viktorio fine de la kvindekaj jaroj aŭ en la 60aj jaroj. Mi supozas, ke li delonge ne plu estas asktiva Esperantisto, kvankam laŭ la libro li ja entuziasmis pri Esperanto. Li ankoraŭ vivas. Enestas pluraj paĝoj pri la historio de la Esperanto-movado en Aŭstralio ĝis 1972. Ŝajnas al mi, ke li verkis la libron en la 70aj jaroj, sed ĝi tiam ne estis eldonata. Strange, ke mi ne antaŭe aŭdis pri tiu libro.



Amike, *Nicole Else*

# Komentoj pri novaĵoj aperintaj en AE



Mi antaŭlonge konkludis, ke ĉies vivo estas libro. Sed nur Marcel povus riveli al ni tian honestan, vualoŝiran, pripensigan, malkaŝu-la-tuton, ŝoketigan 'noveleton' pri sia familio. Vidu AE209

Dankon, Marcel. ☺

*Vera Payne*

# ĈU PLENAGLUTINA AŬ ĈU PARTAGLUTINA ?



Mi proponas, ke ni komparu la sekvajn du frazojn: unue “Mia vivlonga interesiĝo en arton” kaj due “Mia longviva interesiĝo en arton”. La unua, kun “vivlonga”, signifas “La enarta interesiĝo kiun mi havis dum mia tuta vivo, longa aŭ mallonga”, kaj la dua frazo, kun “longviva”, signifas “La enarta interesiĝo kiun mi havis dum mia longa vivo”. Simila komparo eblas ĉe “La vivlonga membreco de asocio” kaj “La longviva membreco de asocio”.

Ni unue observu la frazon “Infantaŭga ludilo = ludilo taŭga por infanoj”. “Infantaŭga” estas aglutina kunmetaĵo de adjektivo “taŭga” kun prepozitivo “por infanoj”. Aglutina, ĉar la ĉefelemento situas laste kaj la flankelemento estas origine prepozitivo kaj la tuto estas unu nova vorto. Sed mankas la nocio de specialeco ĉe la ĉefelemento “taŭga”, kaj tial ni devas nomi ĝin partaglutina.

Tiu observo samas ĉe la kunmeto “vivlonga” el “Interesiĝo vivlonga”, do “longa je ies longa aŭ mallonga vivo”. Do “vivlonga” estas partaglutina kunmetaĵo. Ja mankas (nur) la nocio “speciala”.

Ni nun observu alian kunmetaĵon, adjektivan, de substantivo kun sia adjektivo, nome “ruĝroza”. Ĝi ne aperas en substantiva formo, ĉar substantivo el substantivo kun sia adjektivo estas evitinda, Ĝi estas plena aglutinaĵo, ĉar la ĉefelemento “roza” estas laste kaj la flankelemento estas predikativo “ruĝa” kaj ĝi estas unu vorto kaj ĝi obeas la regulon pri specialeco ĉar la rozo fariĝas speciala se alikategoriigita, en adjektivan formon ja.

Tiu plenaglutineco samas ĉe la aglutina kunmetaĵo “longviva” en “Mia longviva interesiĝo en arton”, kiu signifas “Mia enarta interesiĝo dum mia longa vivo”.

Konklude do: “vivlonga” signifas “tiom longa kiom ies (longa aŭ mallonga) vivo” kaj “longviva” signifas “de mia longa vivo”.



*Marcel Leereveld.*

# V o j a ĝ o k a z e r o j .



Por en la jaro du- aŭ trifoje vojaĝi enlande aŭ eksterlande mi laboris, kiel mezgrada instruisto, meze sepdek-du horojn semajne. Tiel mi ne bezonis labori dum la tri lernejaj ferioj, kion normale devis la plejmulto el la instruistoj (escepte de la instruistoj pri matematiko, kiuj evidente neniam bezonis antaŭ- aŭ postprepari).

Dum miaj regulaj vojaĝoj, al dudekkvino da landoj kaj ofte plurfoje, mi doganmalagrablaĵojn trapasis nur en tri landoj: Aŭstralio, Malajzio, kaj Singaporo. Ĉe aliaj landoj la doganistoj ĉiam estis helpemaj kaj afablaj, tiel en Eŭropo kiel en Afriko kaj Ameriko kaj Azio.



La aŭstralia malagrablaĵo estis, ke la doganinstanco metis mian nomon sur nigran liston por ke miaj pakaĵoj dum ĉiu reveno al Aŭstralio senescepte funde traserĉatu, sendube pri drogoj. Kompreneble ili neniam trovis ion, sed la perdo de tempo malagrablis, dum miaj amikoj senserĉe trairis kaj ridante atendis min ekster la doganejo. Tio daŭris dum deko da jaroj, ĝis mi fine sendis plendleteron al la tiama sed ne plu vivanta Laborpartia ministro por doganoj. Li baldaŭ respondis, dirante ke li ekzamenos la kazon. Post kelkaj monatoj mi ricevis leteron de la federacia ĉefo por doganoj dirantan ke mi el tiam ne plu traserĉatos. Kaj efektive post tio, dum kelkdekoj da jaroj, mi neniam traserĉatis ĉe la dogano. Mi dubas ĉu la nuntempa ministro helpemus tiom. Cetere mi estas el antaŭ kvindek jaroj plu sur la nigra listo por Leteroj al la Redaktisto de la ĵurnalo The Age.

La malagrabla okazero en Singaporo estis ke, por ŝpari monon, ni iam vojaĝis el Kualalumpuro per regula aŭtobuso al la landlimo kun Singaporo, piedirante kelkajn centojn da metroj al la singapora dogano por kapti alian aŭtobuson el la limo al la centro de Singaporo. Ĉar nur malriĉuloj faras tion, la du enuaj doganistoj ridetante kaj ĝuante traserĉis nian tutan pakaĵon por demandi al ni informojn pri ĉiuj medicinaĵoj kaj higieniloj. Ni devis klarigi al ili, kvankam ili sendube sciis, por kio ni bezonis la boteletojn kaj la skatoletojn kaj kial ni uzis ilin. Ili faris tion dum longa tempo nur por enuigi nin kaj ridi pri ĉio. Tio daŭris tiom longe, ke ni maltrafis kelkajn aŭtobusojn.

La tria okazero estis en Malajzio. Ni flugis el Ko-Lo al Serawak, malajzia parto de la granda insulo Borneo. En la ĉefurbeto Kuching , kies antaŭa brita guberniestro estis Esperantisto iam vizitinta la Melburnan Klubon, la doganistoj rapide kaj senprobleme tralasis nin. Sed kiam ili aŭdis, ke ni ankoraŭ ne havis menditan hotelon, ili prenis niajn nomojn. Tio okazis tagmeze. Kaj intertempe ili trovis en kiu malmultekosta hotelo ni loĝis, kaj ili vespere je la dekunua horo eniraĉis nian ĉambron, dum ni en la varmego kuŝis nudaj sur la lito. Ni devis kun ili tie rapide vestiĝi, kaj ili trarigardis ĉiujn niajn pakaĵojn por enuigi nin aŭ por trovi drogojn. Post horo ili malafable foriris, sendroge.

Decas tamen ankaŭ rakonti kazon kiam mi, pro politikaj tialoj, ridindigis doganiston. Tio okazis en Ĉeĥoslovakujo, en la tempo kiam la bolŝevistaj komunistoj regis tiujn satelitlandojn. Ni vojaĝis el Vieno al Prago per vagonaro, kaj ĉe la landlimo envenis por kontroli nin ĉeĥoslovaka milita doganisto, demandante niajn paperojn. Por ridigi la aliajn pasaĝerojn mi donis al la dogansoldato ne mian pasporton, sed mian vagonarbileton, kio multe malaltigis lian socian rangon. Kaj por puni min, li traserĉis ĉiujn miajn paperojn kvazaŭigante ke mi ne rajtas eniri la landon. Mi meritis tion, sed fine li donis bileton por lasi min eniri en Ĉeĥoslovakujon. La homoj en la vagonaro ŝatis la epizodon, ĉar en tiu tempo ili tre malŝatis la komunistan registaron. Sed pro tiu militista socio ni tre sendanĝere vojaĝis tra tiuj landoj, ĉar ne ekzistis ŝtelistoj: oni povis lasi sian pakaĵon ekster butiko, aĉeti ion, kaj ĉe la reeliro la pakaĵo plu estis tie. Kaj krome niaj vojaĝ- kaj loĝkostoj en tiuj landoj estis tre malaltaj tiam.

*Marcel Leereveld.*

P.S. **SOLVO DE KVIZO N.RO 1.**

En Esperanto ni lernis (aŭ devis lerni en mia gramatiklibro “Lingvaj Resondoj”):

1.e: ke “Atendi pli longe” estas la Subjekto, en formo de Infinitivo, de la tuta frazo;

2.e: ke “Ke li venis pli frue” estas la Subjekto, en formo de Suborda Frazo, de la tuta frazo;

3.e: ke "ebla/e" kaj "bonŝanca/e" estas Subjektaj Predikativoj difinantaj la Subjektojn;
4e.: ke la Subjekto, en Esperanto kaj la angla kaj aliaj, havas substantivan karakteron;
5e.: ke tial la Predikativoj havas adjektivan funkcion, ne adverban,
6.e: ke tial "possible" devas esti "ebla", possible, kaj "lucky" devas esti "bonŝanca", lucky;
7.e: kaj ke tial Zamenhof faris malgrandan eraron konsilante la kontraŭon

*Marcel Leereveld.*

Omniglot the online encyclopedia of writing systems & languages

# La Turo de Babelo (Genesis 11: 1-9)




1. Sur la tuta tero estis unu lingvo kaj unu parolmaniero.
2. Kaj kiam ili ekiris de la oriento, ili trovis valon en la lando Ŝinar kaj tie ekloĝis.
3. Kaj ili diris unu al alia: Venu, ni faru brikojn kaj ni brulpretigu ilin per fajro. Kaj la brikoj fariĝis por ili ŝtonoj, kaj la bitumo fariĝis por ili kalko.
4. Kaj ili diris: Venu, ni konstruu al ni urbon, kaj turon, kies supro atingos la ĉielon, kaj ni akiru al ni gloron, antaŭ ol ni disiĝos sur la supraĵo de la tuta tero.
5. Kaj la Eternulo malleviĝis, por vidi la urbon kaj la turon, kiujn konstruis la homidoj.
6. Kaj la Eternulo diris: Jen estas unu popolo, kaj unu lingvon ili ĉiuj havas; kaj jen, kion ili komencis fari, kaj ili ne estos malhelpataj en ĉio, kion ili decidis fari.
7. Ni malleviĝu do, kaj Ni konfuzu tie ilian lingvon, por ke unu ne komprenu la parolon de alia.
8. Kaj la Eternulo disigis ilin de tie sur la supraĵon de la tuta tero, kaj ili ĉesis konstrui la urbon.
9. Tial oni donis al ĝi la nomon Babel, ĉar tie la Eternulo konfuzis la lingvon de la tuta tero kaj de tie la Eternulo disigis ilin sur la supraĵon de la tuta tero.

laŭtlegis Jan Jurĉik *Trovis Roger Springer*



## 3ZZZ





En la elsendo de la 20a de Februaro, Heather klarigas kial legi fikcion estas bona por la cerbo. Do kial ne legi la du lastajn romanojn de Trever Steele " Amo inter ruinoj" kaj " Dio ne havas eklezion", kiujn li prezentas en la sama elsendo?
Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*

## Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero

Eĉ malgranda informo konatigos vin kaj vian klubon tra la Esperanta mondo